# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 384 (julio-sepembro)

**Ĉefredaktis:**
Jorge Pavón

**Kunlaboris:**
Ángel Arquillos, Juan Azcuénaga Vierna, Jorge Camacho, Jesús M. García Iturrioz,Li Jianhua, Ana Manero,A. Marco Botella, Alejandro Pareja, Lorenzo Noguero,

✉
bulteno@esperanto.es
Ángel Arquillos López
Ánfora 6, 5º-D
29013 Málaga



Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961



Presejo: Gráficas Aurora. Zaragoza
DL- Z- 334-90

## Prezento



Sukcese fermiĝis la Hispana Kongreso en la historia juvelo Kuenko, kaj etapo ekas en HEF post enposteniĝo de tute nova estaro. Ankaŭ la venonta numero de *Boletín* alportos ŝanĝojn, kun sia nova redaktisto.

En la 11a paĝo daŭras priskribado de la novaj servoj en nia ret-paĝaro (vidu n-ron 382). Post intensa laboro, la katalogo de nia biblioteko libere konsulteblas en la reto.

Grandan atenton ni turnas al historiaj temoj: la jam centjara "Frateco", unu el ĝiaj fondintoj: Emilio Gastón, kaj la ĵus forpasintan Víctor Ortiz. Tamen, la plej konata datreveno en 2008 estas tiu de UEA. Lernu iom pli pri ĝi en la paĝoj 22 al 27.

Ni prezentas ankaŭ artikolon el Ĉinio, verkitan de esperantisto kiu vizitis la Olimpikan Stadionon de Pekino, konatan kiel "Birdnesto".

Fine, vi povos legi du el la lastaj poemoj de Jorge Camacho, ankoraŭ ne enlibrigitaj. Kompreneble ni ne forgesas pri la IJK, ĉi-jare okazinta en Hungario.

Plaĉan legadon!

# Enhavo



## Lumdisko "esperanto"

Lumdisko kun la simpla titolo "Esperanto" aperis la 10-an de septembro kiel aldonaĵo en la grava pola tagĵurnalo Gazeta Wyborcza kun la rekorda eldonkvanto de 364.000 ekzempleroj. Ĝi aperis en ĉiuj eldonoj de la gazeto kiel senpaga kromaĵo, kaj la aperigon de la disko en la gazeto financis la urbo Bjalistoko. La diskon kreis la organizaĵo E@I, kiu prizorgas ankaŭ la projektojn lernu.net, komputeko.net kaj la DVD-diskon "Esperanto elektronike". La disko estis kreita laŭ la mendo de la urbo Bjalistoko.

liberafolio.org

## Deviga angla por golfistinoj

Profesiaj virinaj golf-ludistoj, kiuj ne sufiĉe bone scias la anglan, ne plu rajtos partopreni en la granda turniro de LPGA, aranĝata en Usono ĉiujare. Ekde la jaro 2009 ĉiuj partoprenantoj devos kapabli paroli la anglan en maniero kiu kontentigas la aranĝantojn. Tiuj, kies lingvoscio laŭ la aranĝantoj ne sufiĉas, estos elfermitaj el la konkurso, ĉar parolante tro malbonan anglan aŭ tra interpretisto, ili laŭ la aranĝantoj ne povos allogi sufiĉe da sponsora mono por la konkurso. Por la ekvivalenta konkurso de viraj golfistoj tamen ne ekzistas postulo pri scio de la angla.

liberafolio.org

# Estrarkunveno de HEF **2008-06-09**

Okazis la lundon 9a de junio, en la sidejo de HEF je la 18,00 horo. Ĉeestis la estraranoj: Lupe Sanz, Carmen Suárez, Augusto Casquero (Skype) kaj neestraranoj: Manolo Parra, Raúl Martínez (Skype), Félix Lobo, Pedro Hernández, Arturo Jiménez (Skype), J. R. López Tejerina, Angelita Sanz kaj J. F. Platas.

## 1. Sekretario

➢ Oni aprobis renovigi la bank-deponon po 23.000 eŭroj ĝis septembro. Kvamkam ankoraŭ ne estas ricevita de la M. pri Kulturo la koncerna letero, telefone jam ili informis ke estis neita la petita subvencio.

➢ Kotizoj: Unu el la tri kvitancoj resenditaj al la banko estis rifuzita. Entute per banko estis pagitaj 144 kotizoj.

➢Z- Loterio: Elspezo: 48,00 Enspezo: 15 vendita + 3,00 premio =1

➢Informoj:

1.- La TVE-1 programo "Identity" petis esperantistinon por partopreni. Myriam, germanino nun loĝ anta en Madrido, sinproponis kaj atendas respondon

2.- La fondaĵo Xosé T. González de Albacete(?) deziras eldoni en esperanto la libron *Huye, hombre huye* de Xosé Tarrío González. Kelkaj esperantistoj de Albacete (komencantoj) petis helpon al HEJS por korekti la tekston. Kiel persona afero, Raúl Martínez helpos ilin.

3.-HEF helpis al la asocio *Como tú, Como yo* (www.comotucomoyo.org) en la traduko al Esperanto de kanto inkludita en DVD kontraŭ la milito.

4.- La magazino "La Clave", kun la helpo de hefanoj eldonis artikolon pri esperanto en la numero de majo.

## 2. Boletín

➢La numero 385 Oktobro-Decembro estos sendita al la presejo fine de novembro. Redaktos Arquillos.

## 3. Projekto 2008

➢Ana Manero petis al Espasa Calpe eldon-rajton en esperanto de la libro de Juan Farias *Algunos niños, tres perros y más cosas.* Espasa petis 300 eŭrojn por la eldono kaj la desegnoj. Eldon-kosto: 1.625 eŭroj (Entute 500 eks. 1.925eŭroj ) Post balotado de la estraro de HEF (1 NE, 1 blanka) oni decidis ne eldoni sen subvencio.

Lupe Sanz, vic-prezidantino

# Ĝenerala Kunsido de HEF **2008-07-05**




Okazis la 5an de julio de 2008, je la 9:30 horo en Kulturcentro "Escuelas Aguirre" de Kuenko, vokitaj de la prezidanto en "Boletín n-ro 382". Ĉeestas 25 membroj kaj 4 estas reprezentitaj. Troviĝas tie la estraranoj: Augusto Casquero, Carmen Suárez, Guadalupe Sanz, Luís Hernández, kaj Jorge Pavón.

## 1.Aprobo de la protokolo de la antaŭa kunsido.

➢Ĉar oni ricevis neniun komenton, la protokolo publikigita en "Boletín 382" estas aprobita unuanime.

## 2. Informo pri la membroj

➢Membroj je 12-31-2007 (kiuj pagis sian kotizon aŭ ŝuldas ĝis 2 jarojn):2 abonitaj al Boletín, 18 kolektivaj membroj, 25 dumvivaj membroj, 218 ordinaraj, 9 patronoj kaj unu honora. Entute estas 273 membroj.11 membroj ŝuldas 2 jarojn (2006 kaj 2007) kaj 24 unu jaron (2007).

➢ En 2007 aniĝis 5 personoj kaj malaniĝis 8, el kiuj 3 forpasis. 3 homoj estis "reakiritaj"

## 3.Komentoj pri la administra jaro kaj pri la programo de aktivaĵoj en 2007

➢La kontoj publikigitaj en la numero 381 de *Boletín* estis aprobitaj en la kunsido de la 25a de februaro de 2008.

➢La ekonomia memuaro ellaborita de Raúl Martínez kaj Lupe Sanz estis prezentita en marto, unuafoje en la oficiala inform-papero farita de la Ministerio pri Internaj Aferoj, kiu ĝis nun ne sciigis pri sia aprobo.

➢La aktivaĵ-memuaro publikigita en la n-ro 381 de *Boletín* estis aprobita en la kunsido de la 25a de februaro de 2008 kaj prezentita en la oficiala inform-papero de la Ministerio pri Internaj Aferoj, kiu ĝis nun en informis pri sia aprobo.

➢Oni aprobas la kotizojn por 2009: ordinara membro kaj abono al *Boletín* 32 eŭroj, Kolektiva membro kaj patrono 64 eŭroj.

## 4. Renovigo de la estraro

➢Oni akordas danki la laboron de la eksiĝinta estraro kaj speciale al la redaktisto de *Boletín* Jorge Pavón.

➢Oni prezentis nur unu kandidatecon, kiu estas aprobita per 28 voĉdonoj por, neniu kontraŭ kaj unu sindeteno.
-Prezidanto: Arturo Jiménez Carretero (HEF Nº 3270- ekde 2004) Ciudad real
-Vic-prezidanto:Pedro Hernández Úbeda (HEF Nº 3239 ekde 2002) Madrid
-Sekretario: Félix Jiménez Lobo (HEF Nº 3113-ekde 1997) Madrido
-Kasisto: Raul Martínez Anguita (HEF Nº 3211 ekde 2001) Ciudad Real
-Voĉodonanto- Boletín: Angel Arquillos López (HEF Nº2660 ekde 2002) Malago
-Voĉdonanto-HEJS: Miguel Hernández Fernández (HEF Nº 3286 ekde 2006) Madrido
-Voĉdonanto: Juan Trenado Serrrano (HEF Nº 3293 ekde 2007) Madrido.

➢ La nova estraro diskonigos sian programon per *Boletín.*

## 4. Petoj, demandoj kaj proponoj

➢ Post voĉdonado, oni konsentas inkludi en la protokolo la tekston de la propono de Lupe Sanz, sendita al *Boletín*, kaj kiu estis prikomentita de la estraro en sia kunsido de 2008-06-09. La teksto estis la sekva:

*La Ĝenerala Kunsido de membroj de Hispana Esperanto-Federacio okazinta en Cuenca, 2008-07-05, aprobis sendi (aŭ ne sendi) leteron al UEA dirante ke HEF ne vetoas al Kataluna Esperanto-Asocio por esti landa asocio de UEA kaj ke akcepti aŭ ne al E-asocioj kiel landajn asociojn estas afero de la Komitato de UEA kaj ne estas afero de HEF. Sendepende de la finfina decido de UEA, HEF ne rezignas je sia agado en la tuta teritorio de Hispanio. La Kunsido ankaŭ aprobas peti al UEA ke en siaj kongreskartoj aperigu apud la nomo de la kongresano la lando aŭ regiono kiun li petas, afero jam farita ekde antaŭe kun Kanariaj Insuloj kaj Katalunio en Hispanio kaj aliaj regionoj eksterlande.*

Oni voĉdonis, kun 23 por, unu kontraŭ kaj 5 sindetenoj ke oni lasu al la nova estraro pritrakti la aferon.

➢Lupe Sanz petas ke en la Ĝeneralaj Kunsidoj okazontaj post majo, la punkto rilata al kontoj kaj aktivaĵoj de la antaŭa jaro estu anstataŭigita per la buĝeto, inkludante la aprobon de kontoj kaj la provizora programo por la sekva jaro.

➢Oni konsentas danki Alejandro Pareja la organizadon de la kongreso en Kuenko kaj liaj demarŝoj por la atingo de gravaj subvencioj.

➢Sen pliaj pritraktindaj aferoj, je la 11a horo, la prezindanto fermas la kunsidon.

prezidanto, Augusto Casquero
sekretariino, Carmen Suárez

# Nia Kongreso en Kuenko

Ĉi jare, la Hispana Kongreso de Esperanto okazis en la bela urbo Kuenko, kaj estis aparte interesa, ne nur pro la bona etoso, programo kaj organizado, sed ankaŭ pro la elekto de nova estraro de HEF. La kongreso havis fortan poezian kaj kulturan karakteron, kun la ĉeesto de kelkaj verkistoj, el la tiel nomata 'Ibera Grupo'.



(de maldekstro) la verkistoj Miguel Fernández, Abel Montagut, Jorge Camacho, Miguel Gutierrez kaj Antonio Valén. Foto A. Casquero

Antaŭ ĉio ni devas dankegi al nia samideano Alejandro Pareja lian sindonan laboron por organizado de la kongreso, kiu estis fruktodona kaj sukcesa. La restadejo meritas minimume tri-stelan kategorion, kaj la kongresejo meritis duoblon da ĉeestantoj, kio bedaŭrinde ne okazis. La prelegantoj, ĉiuj hispanaj, faris eksterordinaran laboron.

La unuan tagon, ĵaŭdon, Miguel Adúriz, tre agema kaj simpatia, gvidis malferman diskutadon pri "Eventualaj projektoj". Pedro Hernández, la fama kaj sindonema instruisto de "Vallecas", gvidis bazan kurson kun ĉeesto de pluraj komencantoj, kiuj profitis la okazon plibonigi kaj malkovri novajn vortojn de la internacia lingvo. Mi rimarkis ke mankis nur diplomo. La bona vetero, "iomete varma", invitis promeni tra la urbo, tamen plimulto de la kongresanoj restadis ĉe la kongresejo kun la celo aŭskulti Lorenzo Noguero el Zaragoza, kiu faris paroladon pri la "100-jariĝo de Frateco", esperanto-grupo de Zaragoza, montrante per lumbildoj, belajn kaj historiajn fotojn pri gravaj membroj de la grupo, inter ili, ni havis la okazon vidi foton de "juna" samideano Antonio Botella. La raporto estis vere interesa. Samideanino Beate Schneider kulminis la vesperon per simpatia prezentado de "Nekuiritaj manĝaĵoj". Ŝi gvidis mallongan kurson pri natura kuirado kaj poste, preskaŭ ĉiuj gustumis bankedon el vegetaĵoj kaj bongustaj manĝaĵoj faritaj el naturaj produktoj sen varmigi aŭ uzi elektron.

Vendrede, la duan tagon, je la 9,30 horo, samideano Jorge Camacho, prezentis "Beletran Almanakon", tre bona eldonaĵo kiu temas pri originala kaj tradukita poezio kaj prozo, inter aliaj vere interesaj temoj pri Esperanto. Li ankaŭ prezentis la lastajn librojn de Internacia Esperanto Muzeo. Tuj poste okazis la "Malfermo de la Kongreso". Bedaŭrinde la urbestro, pro plenumado de aliaj urĝaj temoj, ne povis ĉeesti,

tamen li estis bone reprezentita de magistratanoj pri kulturo, kiuj salutis lianome, kaj deziris fruktodonan kongreson. Post la malfermo, samideano Toño del Barrio, surprizis nin per alloga parolado "Lingvoj, trezoro de la homaro, ilo por dialogo", kiel kutime, li interesigis la ĉeestantojn kaj vigligis la etoson dum sia parolado, tamen mi ne devas forgesi nian karan Augusto Casquero (tiama prezidanto de HEF), kiu, ne nur amuzigis kaj vigliglis la ĉeestantojn. Li, post prelego pri tre interesa kaj multaspekta temo "La azia drako: vivo, kulturo, mond-problemo-movado", premiis per suveniretoj la plej rapidajn respondintojn de liaj demandoj kaj disdonis etan donaceton al ĉiu ĉeestanto, kiel kutime li faras dum kongresoj.

Vespere, denove okazis la klaso pri baza kurso de Esperanto, kun bona ĉeesto, en la granda salono la ateliero pri poezio, gvidata de Jorge Camacho kaj kiel kulmino, nia kara samideanino Rafaela Urueña paroladis pri nuntempa temo "Akvo, fonto de problemoj" ŝi, kiel sperta profesorino, eldiris ĉi gravan temon dum unu horo, kaj fine ĉiuj ekaplaŭdis varme pro ŝia leciono pri la problemoj rilate al akvo: pura aŭ malpura, nuntempa gravega problemo.

Sabate estis speciala tago, ĉar la unua afero de la mateno estis Ĝenerala Kunsido de HEF, por elektado de novaj estraranoj.Je la 11a horo, partoprenis Miguel Hernández, ĉi foje li faris paroladon "Eklipsas", titolo de libro verkita de Jorge Camacho.

Tagmeze, malgraŭ varmego, la granda salono bone aer-klimatizita pleniĝis por aŭdi Miguel Ángel Sancho kaj Ana Manero, kiuj paroladis pri la nova paĝaro de HEF sub la titolo "Novaj tendencoj kaj servoj en la paĝaro de HEF". Mankis tempo, sed sufiĉis por klarigi kiel funkciigi la paĝaron kaj por la Gazetara konferenco, tre bone gvidata de Ana Manero. Vespere, Pedro Hernández pretiĝis por daŭrigi kaj fini la bazan kurson.



baza kurso de esperanto

Jorge Camacho finis sian atelieron pri poezio, kiu bedaŭrinde ne estis konkludita per deklamado de volontulo aŭ prezentado de poemo, tamen la ateliero estis fruktodona, kvankam nesufiĉa. Dankon, Jorge.

Antonio Valén vekigis la intereson legi poezion, ĉar li paroladis pri Bécquer, la fama verko "Rimas y leyendas", tradukita en esperanton kun la titolo: "Kun sopira koro". Mi tre ŝatis ĉi tiun momenton, ĉar ni malkovris kaj rememoris multajn fantaziojn pri la

verko de Bécquer kaj pri la bela tradukado.

Denove Toño del Barrio: ĉi foje li paroladis pri "Esperanto kiel klerilobjekto de la laboristoj en la komenco de 20a jarcento", ilustrita de belaj lumbildon, per kiuj ni vidis la "junan" Darío Rodríguez, tre agema kiel esperantisto, kiun mi miras de antaŭ longe.

Dimanĉe estis la fermo de la kongreso kaj anonco de la venonta hispana kongreso, okazonta en la urbo Malago, sed ankoraŭ ni havis la okazon aŭdi belan paroladon de Miguel Fernández "Aliro al Cigana Romancaro", verko de García Lorca, tre bele tradukita de Fernando de Diego.Bedaŭrinde nur duono de la ĉeestantoj restis por la oficiala foto, tamen ĝi belas kaj estas atesto de grava kongreso okazita en Kuenko.Ankoraŭ restas mencio pri la bela ekskurso tra la ĉirkaŭaĵoj de la urbo por atingi la supran parton, kie oni ekkomencis piede, koni la malnovan urbon gvidata de simpatia junulo, kiu tre bone konas ĝian interesan kaj riĉan historion.

Iom post iom homoj komencis foriri kaj la kongreso kaj Kuenko, juvelo de la homaro, restas en nia memoro.

Ángel Arquillos

# Amaskomunikile

➢Toño del Barrio verkis artikolon pri la influo de la novaj teknologioj en la disvolvo de Esperanto-komunumo. Ĝi estis publikigita en la teknologia forumo *Boletín de la Sociedad de la Información*, kiun prizorgas la firmao *Telefónica*.

➢La revuo *La Clave* publikigis en sia numero 371 (23-29 majo) dupaĝan artikolon pri Esperanto: "Año de las Letras: el esperanto tiene su espacio". HEF donis informojn al la autorino.

➢ *Universia*, la reta jurnalo pri universitatoj publikigis (2008-06-17) artikolon pri Miguel Sancho Izquierdo, rektoro de la Universitato de Zaragoza dum kelkaj jaroj kaj iama HEF-Prezidanto.

➢Manolo Pancorbo estis intervjuita la 2an de junio de *Radio Nacional* por la programo *Asuntos propios.* Okaze de la Hispana Kongreso Alejandro Pareja kaj denove Manolo Pancorbo parolis por la programo *España Directo*.

➢La katalunlingva gazeto pri kulturo *Quadern* intervjuis la KAE-prezidanton Josep Maria Galofré, plenigante ses paĝojn.(n-ro 164)

➢La fama verkisto Pablo Coelho citis esperanton en intervjuo aperinta en la ĵurnalo *Público* " Lingvo estas io viva , ĝi transformiĝas kaj Interreto estas kio ebligas la realiĝon de la fama revo Esperanto". Ankaŭ en *Público* estis mencio pri nia Pasporta Servo ene de artikolo pri gastigaj retoj.

# Nova estraro prezentiĝas

HEF komplete renovigis sian estraron en la kongreso de Kuenko. Ni gratulas ilin kaj deziras ke ili konservu la entuziasmon kaj alportu novajn ideojn. Kelkaj el la membroj estas jam tre konataj en la movado, aliaj venis antaŭ malpli da tempo, sed ĉiuj pretas labori en la asocio kaj ni esperas ke ili kalkulu je nia apogo. Jen ili:

## Prezidanto



**Arturo Jiménez Carretero**: Li naskiĝis en 1976 en Ciudad Real kaj esperantiĝis en 2002. Li faris studojn de Geografio kaj Historio kaj de Araba Filologio. Lia fako estas islamologio. En la esperanto-movado li prezidas EMAS (Esperantista Manĉa Asocio) instruas, verkas artikolojn kaj tradukas. Kutime li agas sub la plumnomo Simajro Nneer.

## Vicprezidanto:



**Pedro Hernández Úbeda** naskiĝis en Madrid en 1966 kaj estas esperantisto de 2001. Li estas filologo kaj laboras kiel ĵura tradukisto el ses slavaj lingvoj. Ene de la movado li instruas e-on en Madrid. Lia filino estas denaskulino.

## Sekretario



**Félix Manuel Jiménez Lobo** estas madridano naskiĝinta en 1969. Li aliĝis al HEF en 1997. Li estas biologo kaj laboras kiel respondeculo pri administrado ĝenerala, komerca, de projektoj kaj de laborantaro en kooperativo pri media konsilado. Li partoprenis multajn internaciajn renkontiĝojn kaj ofte kontribuis kiel preleganto. En 2002 li kunorganizis la junularan renkontiĝon Internacia HoRo en Salamanko.

## Kasisto

**Raúl Martínez Anguita** (1975), el Ciudad Real, alvenis al esperanto en 2002. Li estas librotenisto kaj konsil-advokato pri laboraj aferoj.



Kadre de la movado: li estis kunfondisto kaj sekretario de Esperantista Manĉa Asocio kaj kutime partoprenas en ties agado.Li gvidis kurson por infanoj en Montiel.De februaro li okupiĝas pri la librotenado de HEF.

Voĉdonanto-Boletín



**Ángel Arquillos López** (1946) loĝas en Malago kaj esperantiĝis en 1979. Li laboras kiel oficisto en kartografiista skipo. En 1980 li atingis diplomon de Esperanta Instruisto kaj nuntempe gvidas bazan kurson en Malago.Li ankaŭ estas ĉefredaktoro de bulteno "Monate ĉe Vi" de AEU kaj ĝia prezidanto.

Voĉdonanto-HEJS:

**Miguel Hernández** naskiĝis en Jeréz de la Frontera en 1984 sed loĝas nuntempe en Madrid kie li baldaŭ finos siajn studojn pri flug-inĝenierado.



Li esperantiĝis en 2003 kaj helpis dum la organizado de IRo 2007 (Madrido). Li ofte kunlaboras en diversaj retaj projektoj kiel ekzemple Lernu, Reta Vortaro, E@I kaj Vikipedio.

Voĉdonanto



**Juan Trenado** (1979) loĝas en Alcorcón (Madrid)kaj esperantiĝis en 2006 Profesie li estas komputilisto kaj nuntempe prepariĝas por ŝtata labor-konkurso.En la movado li helpis en kelkaj madridaj eventoj, partoprenis en internaciaj renkontiĝoj, vojaĝis per Esperanto kaj eventuale kontribuas al Vikipedio.

# Pliaj retservoj de Biblioteko Juan Régulo Pérez

(Daŭrigo de Nia biblioteko en la reto. Boletín, n. 381)

Kiel dirite en pasinta artikolo publikigita en Boletín, n-ro 381, disponigi rete la katalogon estis, kun granda diferenco, la plej labordona kaj malfacile realigebla el ĉiuj taskoj faritaj en rilato al la enretigo de la biblioteko, tiel ke ĝi konsistigas per si mem ”la” enretigon de la biblioteko. Ĉio cetera kompletigas kaj reliefigas ĝin.

Katalogo enhavas la bibliografiajn slipojn de la dokumentoj (libroj, revuoj, sonregistroj, videoj, ktp.) apartenantaj al iu biblioteko. En ĉiu slipo oni notas datumojn, kiajn titolon, aŭtoron, eldonlokon, eldoninton, eldonjaron, ktp. , de iu dokumento. Temas do pri datumbazo.

Komence ni uzis tiucele la programon *FileMaker*, tre oportuna por niaj tiamaj bezonoj ĉar ĝi estis tre facile manipulebla de nefakulo. Ĝi permesis al ni dezajni la slipon, kiun ni uzu por katalogado kaj facile kreskigi la datumbazon jen aldonante pliajn bezonatajn kampojn, jen modifante la aspekton de la slipo por fari ĝin pli alloga aŭ facile uzebla. Dum pluraj jaroj tiu elektronika katalogo estis disponebla en la HEF-ejo.

Kiam ni entreprenis la taskon fari la katalogon rete alirebla, la ĉefa defio estis verŝi la amatoran datumbazon, kiun ni kompilis, en pli profesiecan bibliotekan mastrum-sistemon. Ĉar ni ne volis simple enretigi la jamajn datum-tabelojn, eĉ se tiu solvo estintus ja multe pli facila kaj ĉiel ajn utila por la uzantoj. Ni volis ankaŭ, ke nia biblioteko havu eksteran projekcion, sed tio implicis laŭeble uzi la normaron de la biblioteka mondo. Post pluraj provoj kaj kelkaj fiaskoj, ni fine decidis uzi la liberan programon *Openbiblio*[1].




Por ne tedi la leganton per tro fakaj detaloj, resume mi diru, ke la laboro konsistis el sinsekva konvertado de la datumbazo el la origina programo FileMaker al Access, el tiu al MARC-formato[2] pere de ĝia reprezento en XML[3], kaj el tiu al Openbiblio. Ĉar la originan datumbazon ni faris siatempe sen ajna kono pri bibliotekaj normoj, la datumbazo en Openbiblio ankoraŭ sufiĉe polurendas. Tial ni petas vian komprenemon pri eventualaj misoj aŭ mankoj sed, ĉar jam eblas konsulti ĝin, ni decidis ne prokrasti la diskonigon de la retkatalogo (kiu povas jam parte plenumi sian rolon), anstataŭ atendi ĝis absoluta perfektigo, verŝajne neniam

1. Openbiblio: http://obiblio.sourceforge.net/
2. MARC-formato: (Machine Readable Cataloguing), informadika formato por stori kaj interŝanĝi bibliografian informon.
3. XML: eXtensible Markup Language

akirebla ĉi-kuntekste. Provizore nur libroj troviĝas en la nova katalogo.

Alveninte ĉi-punkte, mi danku la kunlaboron de Miguel Ángel Sancho kaj ĉefe de José Rodríguez, al kies teknikaj scioj ŝuldiĝas la tuta konvert-proceso kaj sen kies helpo la enretigo de la katalogo plu restintus nur bibliotekista revo.




Ni nun povas konsulti rete la katalogon.

*Openbiblio* permesas serĉadon per aŭtoro, titolo kaj fakvorto. Vortojn kun supersignoj tajpu jen rekte tiaj jen per x-sistemo, vi ricevos redone la informon taŭge supersignitan. Nepre skribu la nomojn de la aŭtoroj taŭge akcentitajn, ĉar male vi ne retrovos la serĉatan informon. Ekemple, por retrovi la verkojn de Miguel Fernández, en la fako aŭtoro tajpu •”Fernández, Miguel”•aŭ simple •”Fernández” (aperus ĉi-kaze pliaj aŭtoroj kun sama familinomo). Serĉado simple per ”Fernandez”• (sen akcentilo) donos nenian rezulton. Klevortojn por fakvorta serĉado skribu en esperanto.

## Legangulo

Legangulo estas spaco kie la legantoj povas interŝanĝi siajn opiniojn pri libroj kaj alispecaj dokumentoj.Ĝi celas esti renkontiĝejo de legemuloj kaj funkcias kiel forumo.Ĉu vi aparte ŝatis iun verkon? Ĉu vi pensas, ke certa libro tute ne meritas sian famon? Ĉu vi konsideras iun verkon nepre leginda kaj vi volas argumenti kial?Jen la tauga loko por viaj komentoj.Ju pli da partoprenantoj, des pli da intereso: ek do al legado!




Por partopreni la diskutadon, nur necesas aliĝi en la forumon.

## Tradukoteko

Tradukoteko estas bibliografia datumbazo pri hispani-lingvaj verkoj tradukitaj en esperanton. Ĝi celas ne nur informi pri tradukoj el nia literaturo sed ankaŭ iĝi utila ilo por tradukemaj esperantistoj, tiel ke ili havu certajn sciojn pri la laboro farita ĝis nun.

Ĉi datumbazo havas ĝian originon en la pionira laboro de Juan Azcuénaga, kiu kompilis la unuajn datumojn el diversaj fontoj. Aldonoj de Miguel

Gutiérrez Adúriz pliriĉigis ĝin. Kaj ni esperas teni ĝin ĝisdata per via kunlaboro. Tial ni petas vin, ĉefe se vi dediĉas vin al traduk-arto, informi pri viaj tradukoj el kiu ajn el la hispaniaj lingvoj, sendepende de tio, ĉu ili estas eldonitaj aŭ ne.

Nu, kaj kiel kunlabori? Tre facile : sendu al la biblioteko informon pri traduko mankanta en la datumbazo, jen via propra, jen alies traduko ne aperinta. Sendu ankaŭ informon pri traduko, kies registro aperas nekompleta en la datumbazo.

Viaj informoj estu ĉiam kiel eble plej kompletaj, ĉefe rilate la eldondatumojn, eĉ se temas pri malgranda peco aperinta en pli ampleksa verko kiel revuo aŭ libro.

Datumbazo
Listigi laŭ Originala Titolo · Aŭtoro · Tradukisto · Tradukita titolo
A · B · C · D · E · F · G · H · I · J · K · L · M · N · O · P · Q · R · S · T · U · V · W · Y · Ĉ ·

- A mi gran Josefina adorada
- A Sancho
- A un olmo seco
- A un ruiseñor
- Aceituneros
- Al borde
- Alba de hachas
- Alma triunfante
- Amadís de Gaula a Don Quijote de la Mancha
- Anoche cuando dormía

**Autoro:**
Hernández, Miguel
**Titolo:**
Al mia plej adorata, Josefina
**Tradukis:**
Fernández, Miguel
**Eldon-datumoj:**
En: Miguel Hernández, poeto de l' popolo, 19
**Originala titolo:**
A mi gran Josefina adorada
**Originala lingvo:**
Hispana

Datumbazo de tradukoj

Kiel fino, jen la loko kie troviĝas nia biblioteko en la reto: http://www.esperanto.es/biblioteko, kaj ties retadreso: biblioteko@esperanto.es

Ana Manero

# Proksimaj eventoj

## Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo: Salou

La eventoj kaj loĝado okazos de la 4a ĝis la 11 de oktobro en Hotel Mediterráneo, strato Vendrell, 23. Prelegos Gian Carlo Fighiera, Wolfgang Guenter, Pere Navarro kaj Rafaela Urueña.Ankaŭ okazos tri turismaj ekskursoj. http://personales.ya.com/semajno/

## 13a Andaluza Kongreso de Esperanto

Ĝi okazos en Kordovo de la 7a ĝis la 9a de novembro. La kongresejo estos la Junulara Gastejo, kie eblos rezervi kelkajn ĉambrojn, kaj estas konsiderata unu el la plej altkvalitaj en Andaluzio. Ĝi troviĝas tuj apud la Moskeo-katedralo.La loĝado ne estas tre multekosta kaj la prezo inkludas maten-manĝon.La aliĝo al la kongreso estas senpaga por ĉiuj. www.esperanto-andalucia.org

## Kataluna Kongreso

Ĝi estos organizita en Sabadell de la 6a ĝis la 8a de decembro. Estas planitaj prelegoj de, interalie, Humphrey Tonkin, la barata filologo Ghiridar Rao, Abel Montagut kaj la mikrobiologo Dore Kasimir. La koncertojn faros Alejandro Cossabella kaj la ĉefkantisto de ‘Persone’, Martin Wiese. Trupo el Tuluzo prezentos teatraĵon. www.esperanto.cat



## Asturio

La lasta numero de *Heleco*, eldonita de Astura Esperanto-Asocio, estas dediĉita plej-parte al la "Milito de Sendependiĝo", okaze de ĝia 200-a datatreveno. La revuo legeblas en la ret-paĝaro de la asocio: www.uica.info/esperanto




## Andaluzio

La 2-an de oktobro ni daŭrigos la klasojn de Esperanto en nia "klubejo" Colegio "Al –Ándalus", strato Gustavo García Herrera, 10, Malago. Ĉi jare, ni kunsidos marde kaj ĵaŭde de la 18-a ĝis la 19,30-a horo. Ni planas gvidi bazan kaj eble, mezan kursojn, gvidataj de Julio Herrero kaj Ángel Arquillos. Entute la kurso kostas 20 eŭroj, la prezo inkludas vortaron kaj libron.

A. Arquillos

## Kantabrio

Daŭras la kurso ĉiuvendrede en la ejo de KantEA.Adreso: San Fernando 58, p-8, Santander. *cantabria @esperanto.es*



membroj de KantEA en la Hispana Kongreso.

## Katalunio

La 13an de Junio forpasis la esperantistino Josefina Girona i Ribé. Ŝi naskiĝis en Barcelono la jaron 1935 kaj konis esperanton okaze de la Hispana Kongreso en Malago en 1959. La sekvan jaron ŝi edziniĝis al Salvador Aragay, kun kiu aktivis en la movado. Ŝi estis dumviva membro de HEF.

En *Teatre Principal* de Sabadell oni organizis publikan omaĝon al Jaume Viladoms i Vals (1913-1976), fondinto kaj instruisto de loka instruo-centro kiu hodiaŭ havas lian nomon.Li ankaŭ instruis esperanton.Oktobre oni inaŭguros ekspozicion de dokumentoj kaj fotoj kaj samtempe oni pretigas libron pri li.

La kursoj de Barcelona Esperanto-Centro komenciĝos la 15an de oktobro, je la la 19a horo por la supera kaj je la 20a por la elementa. Strato *Rector Triadó*, 53.

La kursoj de la grupo Aŭroro de la Formiko ekos en oktobro, de la 17a ĝis la 18a horo la mardojn kaj ĵaŭdojn.

Daŭras la monataj babiladoj pri diversaj sociaj, ekonomiaj aŭ ekologiaj temoj . Pli da informo: *luis_serrano @mixmail.com*

### Madrido

Babilrondoj estas organizataj en la irlanda trinkejo *Finnegans* ĉe placo Salesas (Madrido). La venonta okazos la 4an de oktobro. Por koni pli pri la aktivaĵoj en la regiono indas aliĝi al la retaj dissendolistoj "Esperanto Madride" kaj "Esperanto vallecas" ĉe http://es.groups.yahoo.com

La konversaciaj rondoj de Madrida Esperanto Liceo okazas ĉiulunde je la 18a kaj duono.

### Valencio

Merkrede, la 9a de julio, Augusto Casquero prelegis pri la temo: "La azia drako: lingvo, kulturo, movado"

### Vaskio/Euskio

E-kurso komenciĝos la 3an de oktobro en la sidejo de Grupo Esperantista de Bilbao en strato Barrenkale Barrena 7-1º-dekstra. Tago kaj horo: ĉiuvendrede inter la 19,00 kaj 20,30 horo.

## Fundación Esperanto

Post la morto de Víctor Ortiz Gratal, la Patronaro de la fonda ĵo devis esti modifita.Tiel, la aktualaj patronoj (ekde julio) estas:

Antonio Marco Botella
José Antonio del Barrio Unquera
Jaime de Benito Cedo
Emilio Pérez Gimeno
Lorenzo Noguero Sarasa

Antonio Marco estis elektita kiel nova Prezidanto de la fondaĵo. Li estas veterana esperantisto (ekde 1937) kaj senlace agadis por Esperanto. Li verkis kaj publikigis multajn librojn (ĉefe pri historio de Esperanto kaj pri beletro), li estis redaktoro de "Boletín" (inter la jaroj 1989-1997) kaj agadis en aliaj kampoj. De antaŭ jaroj li estis patrono de "Fundación Esperanto". Toño del Barrio, krom patrono daŭrigas kiel Direktoro de la fondaĵo. Kaj ankaŭ estas konata kiel aktiva kaj kapabla esperantisto.

Lorenzo Noguero (Sekretario de "Fundación Esperanto")

Iber-Caja
2085-0101-13-0128624762
La Caixa
2100-2149-31-0100165085



La numero de printempo 2008 de la kultura revuo "Kaleidoscopio" inkludis paĝon kun la reklamo de UEA por la internacia tago pri lingvoj. La teksto, en la hispana, estis sendita de Wolfgang Günther.

# Frateco centjariĝas

En la komenco estis la vorto... kaj la sento. Kaj tiamaniere naskiĝis Esperanto. Kaj tiamaniere poste naskiĝis la Esperanto-grupo *Frateco*.

Konkrete, *Frateco* estis fondita la 3an de julio de 1908 en Zaragozo pro la iniciato de grupo da idealistoj inter kiuj troviĝis (inter aliaj) Agustín de Montagut, Rafael Benítez kaj Emilio Gastón Ugarte. En la sama jaro kiam estis organizita en Zaragozo la Ekspozicio Hispana-Franca (post 100 jaroj de la sieĝoj de Zaragozo okaze de la milito kontraŭ la franca armeo de Napoleono), ili starigis societon por disvastigi la lingvon kaj la idealon esperantistajn.



3 el la pioniroj: Montagut, Benítez kaj Gastón

Post la Unua Mond-Milito, atentante la alvokon de esperantista grupo de Graz en Aŭstrio, Frateco kunlaboris en la gastigado en Hispanio de 326 aŭstriaj geinfanoj en situacio de mizero pro la postmilito. Tia humanisma agado estis direktita de la esperantistoj Emilio Gastón (el Hispanio) kaj Karl Bartel (el Aŭstrio). *Frateco* estas la plej antikva ekzistanta esperantista grupo en Hispanio kiu funkciis seninterrompe ekde ĝia naskiĝo. La nuna adreso de ĝia propra sidejo estas: Calle Cadena, 20, 1º izda. 50009-Zaragoza (Hispanio).En Zaragozo estis organizitaj kelkaj Hispanaj Esperanto-Kongresoj (en 1921, 1954, 1967 kaj en 1983).

En la urba spaco de Zaragozo troviĝas ekde 1961 strato dediĉita al D-ro Zamenhof kaj ekde 1995 "Glorieta del Esperanto". En ĉi tiu lasta centra loko, oni volas starigi monumenton omaĝe al Esperanto.

Laŭlonge de sia longa historio, *Frateco* klopodis disvastigi la esperantistan idealon pere de organizado de kursoj, prelegoj, ekspozicioj, seminarioj... Ĝi enhavas esperantan bibliotekon kun pli ol 3.000 volumoj (danke ĉefe al ricevo de biblioteko de D-ro José Olavide).

Multaj homoj partoprenis en la vivo de *Frateco*. Pli elstare estas menciindaj: la advokato Emilio Gastón Ugarte (avo de Emilio Gastón Sanz, kiu havis la oficon "Supera Juĝisto de Aragono", kiu estis unu el la fondintoj; la juristo Manuel Maynar Barnolas, kiu estis Prezidanto de *Frateco* kaj de Aragona Esperanto-Federacio; la rektoro de la

Universitato de Zaragozo Miguel Sancho Izquierdo, kiu ankaŭ estis Prezidanto de la societo kaj de Hispana Esperanto-Federacio; Inés Gastón, iama Sekretariino de HEF; aŭ Antonio Marco Botella, agema esperantisto, redaktoro de *Boletín* kaj verkisto de multaj libroj kiel *Lirikaj perloj de Al-Andalus*, *Analoj de la hispana E-movado* aŭ *Cent jaroj de Esperanto en Aragono* (ĉi lasta en hispana lingvo).




Kelkaj nuntempaj fratecanoj. La sidejon ankaŭ uzas *Fundación Esperanto*.

Asocio estas precipe kunligo de homoj, kunligo de fortoj. Tiel la agado povas esti pli ampleksa kaj iri transe de individuecaj limigoj. Ni ne devas forgesi ke kio plej gravas en la vivo estas homoj. Kaj ekde ĉi tie ni profitas la okazon por omaĝi al ĉiuj esperantistoj kiuj agadis cele al pli bona mondo, ĉar Esperanto estas lingvo por pli bona komunikado internacia en libereco, egaleco kaj... FRATECO.

Lorenzo Noguero
Prezidanto de *Frateco*

# Forpasis Víctor Ortiz

La 23an de la pasinta monato julio forpasis la elstara zaragoza esperantisto Victor Ortiz Gratal. Li esperantistiĝis en la jaro 1950, kaj estis unu el tiuj batalemaj junuloj kiuj revivigis Esperanton en Zaragozo post la intercivitana hispana milito, vizitante ĉiutage la Esperantan Societon *Frateco* por praktigi la lingvon kaj propagandi ĝin.

Kiam Zaragozo estis sidejo de HEF li estis ĝia Vic-prezidanto. Kaj poste kaj dum multaj jaroj, li estis prezidanto de la Aragona Esperanta Societo *Frateco*. Malavare, li financis la eldonon de kelkaj libroj en la lingvo esperanto, inter ili la mondfaman *Don Quijote de la Mancha*, pro kio la esperantistoj ŝuldas al li eternan dankon.



Kunfondinto de *Fundación Esperanto* kaj li prezidis ĝin dum pluraj jaroj ĝis sia forpaso, ĝuste kiam la zaragozaj geesperantistoj solenas la centjaran datrevenon de la fondo de *Frateco* en Zaragozo.

Kara Victor!, la zaragozaj kaj hispanaj geesperantistoj neniam forgesos vin!

A. Marco Botella

# Neforgesebla esperantisto: Emilio Gastón

Tiu ĉi jaro, 2008, estas la Centjara datreveno de la fondiĝo de la unua Esperanto-Centro de Zaragozo, kaj unu el ties tri fondintoj estis samideano Emilio Gastón, iom poste prezidanto de la Esperanta Societo *Frateco* kaj je nacia nivelo ankaŭ prezidanto de la Hispana Esperantista Konfederacio.

S-ano Emilio Gastón Ugarte estis elstara gvidanto de sia epoko. Li naskiĝis en Zaragozo la 5an de aprilo de 1877, devenanta el familio Alto-Aragona, kaj estis krom grava advokato kaj politikulo, membro el Komitato de la Aŭtonoma Aragona Partio, prezidanto de la Aragona Respublikana Federacio, fondinto (kiel dirite) de *Frateco* en 1908, kies prezidantecon li okupis plurajn jarojn, kaj ankaŭ fondinto de la Skolta Aragona Societo de Zaragozo.


Emilio Gastón

S-ro Emilio Gastón posedis, inter aliaj humanismaj kvalitoj propraj el elektitoj, fajnan sentemon pro la plej profundaj homamaj idealoj kaj samtempe inteligenton kaj praktikan percepton por realigi ties idealojn. Tiu idealisma kaj praktika sentemo impulsis lin esti ĉefprotagonisto de humanisma projekto, kiun li realigis, konsistanta akcepti en nian landon en la jaro 1920 pli ol 300 aŭstriajn geinfanojn, kiuj sekve de la unua mondmilito vivis ĉe ili en ekstrema mizero kaj mankante la plej bazajn nutraĵojn kaj homajn vivrimedojn.

Okazis, ke la Esperantista Societo por Estirio de Graz, sendis leteron datumitan la 15an de januaro de 1920 al la E-Centro *Frateco* de Zaragozo por informi ĝin pri la delikata situacio de tiuj geinfanoj kaj petante al ĝia membraro helpon kiu ebligu mildigi tiujn suferojn. Sendube estus tro longe rakonti detale la kunvenojn, konversaciojn kaj interkonsentojn kiuj okazis en la E-Centro *Frateco* por informi kaj konvinki pri la urĝo de tiu homama projekto al aliaj hispanaj regionoj, kiu esence konsistis trovi pli ol 300 voluntuloj kiuj akceptus ĉe la propra hejmo dum almenaŭ unu jaro aŭstrian infanon inter 10 kaj 14 jaraĝaj.

Oni kreis Patronaron, kies prezidanteco okupis s-ro Gastón kiel hispana reprezentanto kaj s-ro Bartel

kiel la aŭstria, sed konsentite ke ĉiu decido estu efektivigita de s-ro Gastón. Estis necese ankaŭ serĉi la kunlaboron de la ĉefaj hispanaj aŭtoritatoj, bonfaraj institucioj kaj eĉ ankaŭ la Ministero pri Eksteraj Aferoj devis ankaŭ interveni.

La 10an de oktobro de tiu jaro alvenis al la haveno de Barcelono la unua ekspedicion de aŭstraj geinfanoj, kiuj estis ĝoje akceptitaj de impona homamaso, ja inter ili estis la familioj kiuj konsentis akcepti ĉe ili unu el tiuj infanoj. Dek tagojn poste venis alia ekspedicio, kiu estis akceptita samĝoje kaj tumulte kiel la antaŭa. Kaj la 7an de aprilo de la sekvanta jaro venis la lasta ekspedicio, sumanta ĉiu 350 geinfanojn. Multaj el ili neniam volis returni al siaj aŭstriaj originaj hejmoj.

Post tiom da jaroj forpasintaj ekde tiu evento, nun multaj el la nepoj de la tiamaj infanoj adresas leterojn al nia E-Centro demandante al ni eksplikojn pri tiu evento el kiuj la respektivaj avoj estis ĉefprotagonistoj.

Daŭrigante la biografiajn pris-kribojn de s-ano Gastón, ni konfirmu ke li estis tre bona preleganto, brila artikoloverkisto kaj elstara instruanto de la internacia lingvo Esperanto. Kiel federacia respublikana politikulo, li, anticipante sian tempon, disvastigis la aŭtonomajn aspirojn de la hispanaj regionoj, kaj inter ili la aragona, emfazante la neceson pri la reciproka respekto kaj la nepra interregiona solidareco, laŭ li postulis kaj realigis en la Statuto de la Hispana Esperanto-Konfederacio, kies unua prezidanto li estis unuanime elektita en Reus en la jaro 1916.

S-ro Emilio Gastón estis unu el tiuj specialaj praktikaj homoj kiuj prestiĝigis ĉiun kaŭzon kiun li disvastigis: li sciis allogi per sia dialektiko kaj korsentita idealismo ĉiun homon kiu aŭskultis lin, kaj akiris tutlandan prestiĝon ne nur kiel protagonisto de la projekto *aŭstriaj geinfanoj* pri kiu ni jam parolis, sed ankaŭ kiel influhava esperantisto ofte proklamanta, "ke Esperanto estis ne nur internacia lingvo, sed tutvalora elemento por universala paco kaj interkompreno de homoj kaj popoloj".

Li estis magistratano de la Zaragoza Magistrato, unue antaŭ ol la unua mondmilito kaj poste denove dum la diktatoreco de Primo de Rivera, ĉiam kiel opozicio representante la maldekstron kaj la Aragonan Respublikanan Regionismon.

Emilio Gastón Ugarte forpasis en 1925. Talenta advokato, elstara esper-antisto kaj homama batalanto, la zaragozaj geesperantistoj elvokas kaj omaĝas vin korsente, en tiu ĉi Centjara Datreveno de la Aragona E-Societo *Frateco*, kiun vi kunfondis en 1908.

Antonio Marco Botella

# Raporto de la kunvenoj de la Komitato de UEA

Kadre de la UK en Roterdamo, okazis du kunvenoj de la komitatanaro de UEA: la 19-an kaj la 25-an de julio. Inter ambaŭ, ankaŭ oni okazigis kunvenojn de la diversaj subkomitatoj, nome, pri financo kaj administrado, pri eksteraj rilatoj, pri edukado, pri informado, pri kulturo kaj kongresoj, kaj pri landa kaj regiona agadoj.

Fari resumon de tiel bunta fasko de pritraktitaj aferoj ne estas facila tasko. Tamen, jen telegrafe kaj plekte, kelkaj punktoj aprobitaj:

➢Altigo de la baza membro-kotizo, por 2009, je unu eŭro, ĝis 59eŭroj (58 en 2008).

➢ Buĝeto de 5.000 eŭroj por interoficeja laboro en Afriko por 2009.

➢Rekomendi al Landaj Asocioj starigi rilatojn kun UN-asocioj kaj UNESKO-komisiono kaj ĝenerale kun la politikaj instancoj de sia lando. Sen tiaj kontaktoj ne estas antaŭvideblaj sukcesoj en okazo de bezono pri subteno, proponoj, ktp.

➢La estraro de UEA instigu la Landajn Asociojn zorgi pri la okazigo de ekzamenoj laŭ baza nivelo, ĉar la elementa de la internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA estas sufiĉe postulema.

➢ La estraro de UEA kontaktu la novkreitan Akademion Literaturan de Esperanto por esplori, ĉu ĝi povus pretigi liston de legendaj verkoj.

➢Okaze de E-kongresoj (inkluzive UK-ojn) estas necese dediĉi pli grandan atenton al la kontaktoj kun nacilingvaj ĵurnalistoj.

➢UEA utiligu pozitivajn spertojn de iuj Landaj Asocioj (ekz. UFE) koncerne dungon de eksteraj fakuloj por profesie fasoni la eksteran kaj enhavan konsiston de siaj komunikiloj. UEA helpu en popularigo de sukcesaj spertoj de siaj asocioj sur la informa kaj komunika kampoj.

➢Ekde la venonta jaro oni premiu la plej bonajn eldonitajn kanton kaj kanzonon, aperintaj en la antaŭa jaro, atribuante tri premiojn en tiu-ĉi kategorio. Temas pri provizora eksperimenta propono, kiun oni eventuale definitivigu en Bjalistoko.

➢Oni klopodu surscenigi, aŭ laŭtlegi, dum UK-oj, teatraĵon premiitan en la pasinta jaro.

➢ Oni klopodu aranĝi kelkajn koncertojn por la neesperantista publiko.

➢M. Lipari pretigos liston de E-teatraj grupoj kaj aktoroj.

➢Okazu interŝanĝo de instruistoj, kiuj povus helpi tiujn Landajn Asociojn, ĉe kiuj mankas kapablaj instruistoj.

➢Instigi la fakajn asociojn kiel eble plej

serioze prioritatigi la evoluigon kaj pliriĉigon de la propra fako en la Esperantlingva Vikipedio, kiu nuntempe estas la plej utila maniero evoluigi la aplikon kaj terminologion de la lingvo sur diversaj sciokampoj, samtempe videbligante Esperanton en multe pli ampleksa tereno.

➢Esplori la ŝancon okazigi komunajn fakajn E-aranĝojn anstataŭ modestajn unuopajn kongresojn, por unuigi la fortojn kaj stimuli la interfakan dialogon per Esperanto.

➢Konstatinte, ke ekzistas deficito de la informfluo pri la agado inter la altaj instancoj (estraroj kaj komitatoj) de UEA kaj TEJO, la subkomitato pri junularo rekomendas –por plibonigi la situacion- peradi la (kutimajn) raportojn de koncerna estraro al la komitatanoj de alia organizo, ekzemple en la duonjara ritmo.

➢Konstatinte ke necesas "plifortigi la voĉon" de gejunuloj dum UK-oj, subkomitato pri junularo proponas doni al ili pli da spaco kadre de UK-oj por propaj programeroj kaj videbligi ĝin en pli signifa grado. La subkomitato pri junularo rekomendas, ke LKK-oj de koncernaj UK-oj kune kun la organizantoj de CO-stablo pli vigle kunlaboru kun loka junularo kaj kun TEJO kun celo aldoni pli da programeroj per– aŭ porjunulaj.

Jesús Miguel García Iturrioz
A-komitatano por Hispanio.

Fine de aŭgusto aperis nova numero de Eŭropa Bulteno.

EEU organizis konferencon pri la temoj "Verŝajna Lingva stato post 50 jaroj" kaj "Eŭropaj valoroj", kadre de la Itala E-Kongreso en Grosetto. Prelegis Sean O'Riain, Renato Corsetti, Ranieri Clerici kaj Zlatko Tišljar.


Eŭropa Bulteno

Manolo Pancorbo partoprenis la Internacian Artan Vesperon de la UK per du kantoj: la pasodoblo "La morena de mi copla", kaj la fama "Granada"; kompreneble, ambaŭ en esperanto! Alia hispano sur la scenejo estis Eduardo Vargas "Solo"



Fotis Ziko van Dijk

# Historio de UEA

La 28a de aprilo 1908 estis fondita Universala Esperanto-Asocio. Nu, post centjara vivo, ni volas memori pasintecon kaj diskonigi ĝian nunan funkciadon.

Universala Esperanto-Asocio naskiĝis kiel organizo de personoj individue aliĝintaj al ĝi. En la komenco, Universala Esperanto-Asocio klopodis funkciigi ideojn kiuj aperis antaŭe kaj tiamaniere ĝia organo fariĝis la revuo *Esperanto*, propaganda gazeto iniciatita de franco Paul Berthelot en 1906.




Karikaturo de Jean-Robert pri Hector Hodler, fondinto de U. E. A., el bildkarto (ĉ. 1912).

Alia ideo el kiu profitis Universala Esperanto-Asocio estis tiu pri starigo de esperantaj konsuloj, sugesto prezentita de S-ro Alphonse Carles, franco, al la II-a Internacia Kongreso de Esperanto, okazinta en Ĝenevo (Svisio), en 1906, kaj bazo de la delegitoj. Tiam la ideo estis ke la delegitoj estu elektataj de la grupoj en ĉiu urbo.

Kvankam en tiu komenca epoko Universala Esperanto-Asocio partoprenis per specialaj aranĝoj en la programo de la tiam nomataj Internaciaj Kongresoj, kaj jam en 1908 organizis karavanojn al tiu jara Kongreso, okazinta en germana urbo Dresdeno, de 1933 kaj nuntempe la organizado de la *Universalaj Kongresoj de Esperanto* estas agado plenumita de U. E. A. La unua tiaj Internaciaj Kongresoj okazis en Boulogne-sur-Mer (Francio), aŭgusto 1905.

La Statuto de Universala Esperanto-Asocio fiksis la celojn: "plifaciligo de la ĉiuspecaj rilatoj inter diverslingvanoj kaj la kreo de fortika ligilo de solidareco inter ĝiaj membroj";ĝi starigis esperanton kiel ĝia "sola lingvo oficiala" "tia, kia ĝi estas difinita per sia literatura kaj teknika vortaro"; kaj sin deklaris "absolute neŭtrala rilate al religio, politiko kaj nacieco".

Alia grava starpunkto de Universala Esperanto-Asocio montras la ideon de

sviso S-ro Hodler kaj franco Théophile Rousseau pri la uzo de Esperanto: “Je kio utilas viaj kursoj, se viaj lernintoj poste disperdiĝas ie ajn? Instruinte la gramatikon vi devas instrui la uzon, la organizon de la UEA-servoj, la manieron trovi adresojn, peti informojn, komenci interŝanĝon, unuvorte utiligi la lernaĵon tuj per internacia rilatado”. Do, ili klopodis atingi vastan kaj praktikan uzon de la lingvo internaciskale.

Stirio, en Graz (Aŭstrio) dissendis cirkuleron en januaro de 1920 petante ke dum kelkaj monatoj oni gastigu infanojn de tiu aŭstra regiono ĉe fremdaj hejmoj, por ke ili reakiru forton. Respondoj alvenis el diversaj hispanaj urboj: Zaragoza, Cheste, Vich, Tarrasa, Huesca, Gerona, Barcelona, Sabadell, Manlleu, Teruel, Reus kaj aliaj. Entute 326 geknaboj venis ĉe esperantistaj familioj kaj el tiuj 56 restis definitive en nian landon kaj unu mortis


UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

U. E. A.

Regiono de ..........

No: ..........

MEMBROKARTO

(Nomo & Antaŭnomo) ..........

estas Ano de la U. E. A. por jaro 1908.

La Prezidanto de la U. E. A., La Regiona Delegito,

H. BOLINGBROKE MUDIE


Ekstraktoj el la Regularo

§ 5. — Ĉiu Ano de la U. E. A. havas la rajton uzi la servojn organizitajn de la Asocio.

§ 6. — Nur ĉiu ano, kiu pagas la kotizaĵon por 1908, ricevas Membrokarton kun orda numero, subskribitan de la Prezidanto de la U. E. A. kaj de la Delegito de sia loko. La Membrokarto donas al sia posedanto: 1e la rajton plendi al la Komitato aŭ al sia Delegito, se li ne ricevis la servojn, kiujn rajtas la anoj; 2e la balotrajton.

Subskribo de la posedanto:

Loko por fotografaĵo (laŭvola).

Membrokarto de 1908. Antaŭa parto kaj dorso

Dum tiuj cent jaroj kelkaj el ĝiaj agadoj estas esenca gravaj. Ni menciu la helpan servon dum la unua mond-milito, kiu celis interŝanĝi kores-pondadon dum la milito mem kaj Universala Esperanto-Asocio organizis trans-sendon inter malamikaj landoj kaj poste helpis en serĉado de ne aperintaj homoj.

La solidara sento de la esperan-tistaro montriĝis plene efika postmilite kaj unu el tiuj gravaj helpoj okazis en nia lando. La Esperanto Societo por en Zaragoza. Tiu helpo ankaŭ okazis en aliaj landoj: Nederlando, Francio, Britio, Danio, Belgio ktp. La unua infantransporto en nian landon komenci ĝis la 6-a de oktobro 1920 kaj la lasta retransporto en Aŭstrion okazis la 24-a de aprilo 1922. Eĉ la Reĝino María Cristina gastigis la infanojn unu nokton en madrida azilo.

Venis la tempo de klopodoj por atingi akcepton ĉe internaciaj organizoj. La 10-a *Internacia Konferenco de la Ruĝa Kruco* akceptis la 7-an de aprilo

de 1921 rezolucion instigante disvastigi "la lernadon de la helplingvo Esperanto inter siaj anoj" kaj en 1922 nova statuto de hispana Ruĝa Kruco entenis paragrafon pri la devo lerni Esperanton.

Diversaj klopodoj okazis ĉe *Ligo de Nacioj*. La 11-an de decembro 1920 estis legata propono de rezolucio (dok. Nro. A. 194) kiu fine ne sukcesis. Denove en 1921 prezentiĝis propono de rezolucio pri "Instruado de Esperanto" kiu estis akceptita, tiel ke en aprilo 1922 okazis Internacia Konferenco pri la instruado de Esperanto en lernejoj. La rezulto estis ke "oni rajtas atendi pluajn rezultatojn", tiel ke decido pri definitiva rekomendo estis prokastita. Kvankam "intertempe la lingvo Esperantista havos plenan kampon por disvastiĝi kaj pruvi sian utilon kaj fortecon per la sukcesoj, kiujn ĝi gajnos".

La klopodoj ĉe *Ligo de Nacioj* atingis pozitivajn voĉdonojn, sed ne tro favorajn praktikajn konsekvencojn.

Denove dum la dua mondmilito Universala Esperanto-Asocio organizis help-servon, sed ĝi ne atingis tiel brilajn rezultojn kiel dum la Unua. Dum ambaŭ militoj multaj esperantistoj estis inter la viktimoj.

En aprilo 1947 Universala Esperanto-Asocio aperis kiel la sola internacia kaj neŭtrala organizo de la esperantistoj. Simile al la agado inter la mondmilitoj, denove gravaj streboj de tiu reprezenta organizo de la esperantistaro tutmonda direktiĝis al starigo de rilatoj kun *Unuiĝintaj Nacioj* kaj *Unesko*.

En tiu senco, la Deklaro de la *Ĝenerala Konferenco de Unesko*, okazinta en urugvaja ĉefurbo Montevideo en 1954, estis konsiderata grava movada venko kaj D-ro Ivo Lapenna estis tiu kunordiganto kiu obstine agis por atingi ĝin kaj ĝi "notis la rezultojn atingitaj de Esperanto". Poste, okaze de la centjariĝo de esperanto, la *23-a Ĝenerala Konferenco de Unesko*, tiam okazinta en bulgara ĉefurbo Sofio, en 1985, krom gratuli la esperanto-movadon pro tiu datreveno, petis ĝian ĝeneralan direktoron sekvi "la evoluon de Esperanto kiel rimedo por plibonig la komprenon inter malsamaj nacion kaj kulturoj".

La kampanjoj ĉe *Unuiĝintaj Nacioj* ne atingis similajn rezultojn. Tamen, Universala Esperanto-Asocio starigis oficejon en Nov-Jorko kaj tia maniere havas daŭrajn kontaktojn kun ties Sekretariejo.

Nun, Universala Esperanto-Asocio celas, laŭ la Statuto de 1980:

- disvastigi la uzadon de la internacia lingvo Esperanto

- agadi por la solvo de la lingva problemo en internaciaj rilatoj kaj

faciligi la internacian komunikadon;

➢ plifaciligi ĉiuspecajn spiritajn kaj materiajn rilatojn inter homoj, malgraŭ diferencoj de nacieco, raso, sekso, religio, politiko aŭ lingvo;

➢ kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidaro, kaj disvolvi ĉe ili la komprenon kaj estimon por aliaj popoloj.

Ĝi konsistas el aligitaj kaj individuaj membroj. Aligitaj estas membroj de aliĝintaj landaj asocioj, kiuj mem ne estas individuaj membroj. Sume, la tuta membraro de Universala Esperanto-Asocio estis 17.488 en 2007. Universala Esperanto-Asocio havas 67 aliĝintajn landajn asociojn, 7 aliĝintajn kaj 34 kunlaborajn fakajn asociojn.

Tamen, la fakto ke ĝia sidejo estas en riĉa lando malhelpas la membriĝon de personoj loĝantaj en malriĉaj lokoj, malgraŭ la klopodoj por starigi solidarajn kotizojn.

La supera organo de Universala Esperanto-Asocio estas la Komitato, kies membroj estas nomataj de landaj asocioj aliĝintaj, proporcie al la membronombro, elektataj de la individuaj membroj kaj ankaŭ tiuj komitatanoj elektas pliajn "kun aparte bezonataj spertoj". Krome, estas ankaŭ observantoj kiuj reprezentas landajn asociojn kun malpli ol cent membroj. Bedaŭrinde, la plej grava parto de ties Komitato reprezentas la landajn asociojn kaj ne la individuajn membrojn, veraj subtenantoj, el financa vidpunkto, de la asocio.



La nuna Universala Esperanto-Asocio havas sian Centran Oficejon en nederlanda urbo Rotterdamo, kie post ses jaroj en luita domo ĝi aĉetis domon en la jaro 1961, antaŭe ĝia sidejo estis en Svislando kaj Britio. Tie funkcias ankaŭ ĝia Biblioteko Hector Hodler, unu el la plej grandaj kaj gravaj esperanto-kolektoj en la mondo kun pli ol 20.000 bibliografiaj unuoj.

Cetere, Universala Esperanto-Asocio havas Oficejon por Rilatoj kun *Unuiĝintaj Nacioj* en Nov-Jorko kaj Afrikan Oficejon en Benino. Ekde 1981 Universala Esperanto-Asocio havas formalajn rilatojn kun la *Ekonomia kaj Socia Konsilio de Unuiĝintaj Nacioj*, kaj ĝi estas membro de ties Konferenco.

La asocio estas gvidata de estraro kun diversnaciaj membroj kaj la laboroj disvolviĝas pere de skipo aganta en la

Centra Oficejo sub la respondeco de ĝenerala direktoro.

Por specifaj kampoj Universala Esperanto-Asocio havas 39 diversajn komisionojn kaj 15 librotenajn specialajn kontojn kaj fondaĵojn

Nuntempe, Universala Esper-anto-Asocio estas ankaŭ grava libro-eldonanto kaj pere de ĝia Libroservo vendas praktike ĉiujn esperantajn librojn, diskojn, kasedojn, vidbendojn, filatelaĵojn k. a. kiuj estas akireblaj en la merkato, malgraŭ la altaj ekspedkostoj kiuj bremsas dis-vendadon.

Universala Esperanto-Asocio estas en specialaj konsultaj rilatoj kun *Unuiĝintaj Nacioj* kaj ĝi reprezentiĝas en multaj kunvenoj de ties organizo. Kun *Unesko* Universala Esperanto-Asocio havas oficialan ligon en la kategorio de operaciaj rilatoj. Aliflanke, Universala Esperanto-Asocio havas konsultajn rilatojn kun *UNICEF*, partoprenan statuson ĉe *Konsilio de Eŭropo* kaj ĝeneralajn kunlaborajn rilatojn kun *Organizaĵo de Amerikaj Ŝtatoj*. UEA havas oficialan statuson en kategorio A kun la Teknika Komitato TC 37 (terminologio kaj aliaj lingvaj kaj enhavaj rimedoj) de *Internacia Organizaĵo por Normigado* (ISO); aktivas por informado ĉe *Eŭropa Unio*; kaj membras en *Eŭropa Lingva Konsilio*, komuna forumo de universitatoj kaj lingvaj asocioj por antaŭenigi la konon pri lingvoj kaj kulturoj en kaj ekster la Eŭropa Unio. La Delegita Reto konsistas el preskaŭ du mil delegitoj en pli ol cent landoj kaj ĝi proponas personajn servojn de diversaj specoj: turisma informado, helpo dum vojaĝoj, respondoj al fakaj demandoj, konsiloj pri teknikaj problemoj...

Universala Esperanto-Asocio organizas ĉiujare la Universalajn Kongresojn (ĉi jare okazos la 93-a, precize en Roterdamo omaĝe al ĝia centa datreveno) kaj en ĝia kadro okazas la Belartaj Konkursoj kaj la Internacia Kongresa Universitato.

Universala Esperanto-Asocio klopodas aktivi kaj sur la informada kampo pere de gvidlinioj, dokumentoj, simpozioj...; sur la instruada fako precipe pere de kunlaboro kun la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj; sur la kampo de faka agado pere de kunlaboro kun koncernaj fakaj asocioj; sur la kultura tereno pere de specifaj agadoj kiaj la organizado de kongresoj kaj ties programoj, pere de eldonado de literaturaj, sciencaj kaj amuzaj verkoj, originalaj kaj tradukitaj, disdonado de premioj kaj subvencioj...; sur la aĝa kampo pere de la gado inter la junularo pere de ĝia Tutmonda Esperantista Junulara Organizo; ...

El ĝiaj lastaj agadoj kaj projektoj ni menciu:

- *Konto Espero*: ĝi celas helpi

esperantistajn militviktimojn ĉie ajn en la mondo, apartenantajn al ĉiuj militantaj flankoj.

➢ *Interkulturo*: ĝi estas loko, kie renkontiĝas dekoj da lernejaj klasoj el ĉiuj mondopartoj. Tia "jlernejo"ne estas vere ekzistanta domo, sed interreta ejo, kie tamen veraj geknaboj kunlaboras.

➢ *Indiĝenaj Dialogoj*: ĝi celas fortigi la organizojn de indiĝenaj popoloj, ebligante ilin komuniki daŭre, plene, rekte kaj malmultekoste. La kombino de tri efikaj instrumentojn ebligas tian Indiĝenaj Dialogoj-reton: transkulturaj komuniklertecoj, interreto kaj facile lernebla monda lingvo: Esperanto.

➢ *Kulturo de Paco*: Unesko deklaris la jardekon 2001-2010 kiel *Internacian Jardekon por Kulturo de Paco*. En la 3-a jarmilo civilizoj bezonas dialogi kaj ne plu militi. Pri tio laboras la movado por la internacia lingvo Esperanto. Por dialogi sur egala bazo, neniu devus esti devigata uzi fremdan lingvon, aŭ ĉiuj devus esti devigataj uzi komunan lingvon ĝuste kreitan por ĉi tiu celo.

Nu, Universala Esperanto-Asocio estas kaj la reprezenta organizo de la tutmonda esperantistaro kaj la asocio kiu gvidas la movadon en ĉiuj mondopartoj. Por efektivigi ĝiajn celojn ĝi nepre bezonas la apogon de ĉiu esperantist(in)o tiel financa kiel kunlabora. La kapabloj de kiu ajn organizo oni kalkulas laŭ la disponeblaj monrimedoj kaj kampanjoj normale estas pli aŭ malpli efikaj depende de alportitaj rimedoj, financaj kaj homaj.



Centra Oficejo en Roterdamo

Lastatempe estas diskutoj pri la atingo de kiel eble plej multaj senpagaj servoj. Certe, el ideala vidpunkto, kulturo devus estis kaj senpaga kaj atingebla de ĉiu persono, senkonsidere de aliaj faktoroj, kiel disponebla mono, loĝloko, sekso, nacieco, religio... Tamen, por ke iu ricevu senpagan servon iu(j) alia(j) devas "jpagi" ĝin. En la vivo, paĉjo ŝtato estas kiu kovras tiujn senpagajn servojn. Sed la progreso kaj disvastigo de esperanto dependas de la esperantistoj, tial ĝi bezonas kiel eble plej da subtenantoj kaj mecenatoj kaj ne tiom da senpagaj uzantoj. Ja, ĉiu pagu kaj kunlaboru laŭ siaj eblecoj. Kaj memoru, Universala Esperanto-Asocio meritas kaj bezonas vian kunlaboron kaj helpon.

Juan Azcuénaga Vierna

demandojn. Krome, oni povas ĝui helpon de volontuloj ĉe voj-kruciĝoj, bus-haltejoj kaj elirejoj de la stadiono. De la sekureco-kontrola zono al "Birdnesto" servis volontulo ĉe ĉiu kelkdek metroj. Ili ĉiam pretis liveri servon kaj kun rideto salutis preterpasantojn.

La vestoj de volontuloj diferencas en desegno kaj koloro laŭ iliaj servoj. Ĉe enirejo volontulo en blanka vesto gvidis spektantojn al bileto-kontrolado, poste alia volontulo gvidis ilin al la sidlokoj. Ankaŭ en la stadiono volontuloj ĉiam liveris detalajn servojn. Ilia laboro estis tre peniga. Por konservi la sidlokojn puraj en subĉiela stadiono, volontuloj devis ofte purigi ilin. En la stadiono ni vidis ankaŭ alilandajn volontulojn. Ili portas saman uniformonj kiel ĉinaj volontuloj kaj liveras perfektajn servojn. Ilia rideto kortuŝis min, kaj certe ankaŭ aliajn laŭ mia opinio.

## "Birdnesto" kun propraj karakterizaĵoj

La tuta konstruaĵo de "Birdnesto" estas ruĝa kaj griza: ĝia ekstera strukturo el ŝtalo estas griza kaj la interna — ruĝa. En "Birdnesto" troviĝas tri-etaĝa spektosidejo, kie la seĝoj en malsupraj partoj estas ruĝkoloraj , pli supren grizaj seĝoj iom post iom anstataŭas la ruĝajn, fine la koloro de spektosidejo kunfandiĝas kun tiu de la supera parto de "Birdnesto". Ankaŭ la pendlumigiloj en "Birdnesto" estas distingiĝaj. Mi trovis la indikilojn de necesejo tre interesaj: sur ruĝa muro estas 3 karikaturaj figuroj, unu kun du harplektaĵoj signifas, ke tiu necesejo estas por virinoj, alia en mallonga pantalono signifas, ke ĝi servas por viroj, kaj la tria en rulseĝo signifas, ke tio estas por handikapuloj.

En "Birdnesto" estas 12 terenoj kaj ekster ĝi — iliaj indikiloj. La stadiono plene konsideras bezonon de spektantoj: funkcias informejoj pri biletoj kaj vendejoj de manĝaĵoj, trinkaĵoj, biero ktp. Por faciligi handikapulojn kaj spektantojn kun infanoj, oni establis specialan lokon por deponi rulseĝojn kaj infanĉaretojn.



## Impreso pri la matĉo

Por tiu ĉi ekzamena matĉo "Birdnesto" unuafoje malfermiĝis al la publiko post sia finkonstruado. Por ĝui la matĉon kaj proksime vidi "Birdneston", pekinanoj atendis longe por aĉeti biletojn antaŭ la bileto-vendejo. Ne nur pekinanoj, sed ankaŭ turistoj el aliaj lokoj aĉetis biletojn pere de turismaj servoj.

En la 18-a de aprilo spektantoj atingis “Birdneston” tre frue por fari fotojn el ĝi. Inter fotantoj estis kelkaj maljunuloj, kiuj antaŭe loĝis en tiu ĉi loko, sed por la Nacia Stadiono de Ĉinio ili translokiĝis aliloken kaj forlasis la lokon, kie ili vivis pli ol kelkdek jarojn. Nun ili revenis por vidi la ŝanĝiĝon de sia antaŭa hejmloko.

Komenciĝis la matĉo. Entuziasmaj spektantoj gaje huraris por kuraĝigi sportistojn. Kvankam alilandaj sportistoj plejparte ne komprenis la ĉinan lingvon, sed ilin certe kuraĝigis entuziasmo de la spektantaro. Ekster la stadiono multaj alilandaj raportistoj intervjuis spektantojn per sia nesufiĉe flua ĉina lingvo. Iu maljunulo diris al alilandaj raportistoj: “La stadiono estas tre bona! Mi tre ĝojas vidi matĉon ĉi tie. Mi deziras al vi agrablan restadon en Pekino.”

Delonge mi sciis la sidlokon de “Birdnesto” kaj informiĝis pri ĝia finkonstruado, sed por teni misteron pri ĝi, mi ne vizitis ĝin. Nun profitante de ĝia unuafoja malfermo al la publiko,



Fervoraj spektantoj

mi finfine eniris en ĝin, kiu tiklis min longan tempon, kaj malkovris ĝian misteran vualon. Mi kredas, ke “Birdnesto” certe alportos al spektantoj pli belan senton dum la Pekinaj Olimpikoj.

Li Jianhua

## UEA adiaŭas respondkuponojn




Internacia respondkupono (IRK) estas papera slipeto kiu povas esti ŝanĝita kontraŭ poŝtmarkoj kun valoro sufiĉa por la sendo de letero al alia lando. Ĝi permesas al sia ricevanto senpage sendi poŝtan respondon al sendinto. UEA akceptadis tiujn kuponojn kiel pagmanieron, sed en la lastaj jaroj ilia uzo maloftiĝis pro la ekzisto de pli komfortaj servoj por sendado de mono eksterlanden. Nuntempe la kuponoj ne plu uzeblas en multaj landoj, kaj de kelkaj jaroj ili havas limdaton post kiu la slipeto fariĝas senvalora. La poŝt-oficejo apud la UEA-domo akceptis la lastajn kuponojn kiel escepto, sed ne plu.



Jorge Camacho (1966) naskiĝis en Zafra, Ekstremaduro. Li profesie okupiĝas pri interpretado por la Eŭropa Unio el la lingvoj angla, finna kaj portugala. En 1992 Camacho estis akceptita en la Akademion de Esperanto, sed rezignis en 2001. En Esperanto li interesiĝas ĉefe pri poezio, kvankam li ankaŭ disvolvigas rakontojn kaj eseojn. Li enlibrigis diversajn poemkolektojn: *Ibere Libere* (kun Miguel Fernández, Gonçalo Neves kaj Liven Dek), *Celakantoj, Saturno,* kaj pasintjare Eklipsas. Nuntempe, Camacho ĉefredaktas *Beletran Almanakon.* Sekvas du ĵusfaritaj poemoj eltiritaj de la nuntempaj problemoj.

## Disonanco

Unu plian aŭguston, jen la fars' olimpika,
dum minora milito eksplodas en Kaŭkazo,
tro for de la pekinaj rekordoj kaj eventoj,
de Hu, de Bush, de Putin, de ĉiuj potenculoj.

La pafoj kaj bombardoj, la mortoj kaj la sango
de sud- kaj nord-osetoj, de rusoj kaj kartveloj,
neniun interesas, neniun mobilizas
en brava nova mondo da televiziuloj.

Nur sporton, eĉ sen pano! Bataloj mem akordas
kun buntaj flagoj, himnoj, kun venkoj kaj medaloj,
rekvizitoj de l' plaĉa spektaklo olimpika.

(Se mankas al vi verso, silaboj, rimoj,
serĉu ilin en Moskvo aŭ sur la mont' Parnaso.)

Madrido, 9.8.2008



# Geopolitiko


antonis shen

Guantanamo:
Usono poluradas mutan limbon
en angul' de Kubo.

Kaj Palestinon?
Ĝin stringas kaj strangolas diligente
la israela pugno.

Rokan Tibeton
distance kaj diskrete disciplinas
pacienca Ĉinujo.

Ĉirkaŭ Kaŭkazo
jen kozakas jen murzas jen ukazas
la rusa jugo.



donjuanna

Nova mond-ordo!
– En ublietoj kuŝas
juro kaj justo.

Madrido, 28.8.2008

---

La Pola Parlamento (Sejmo) ĵaŭde la 12-an de junio unuanime per 397 voĉoj aprobis rezolucion, kiu omaĝas la centjariĝon de Universala Esperanto-Asocio kaj donas sian subtenon al la kandidateco de UEA por la Nobel-premio pri paco.

Laŭ la Parlamento, temas pri omaĝo al la daŭrigantoj de la verko de Lazaro Ludoviko Zamenhof, kiu *"kreante la lingvon Esperanto deziris certigi al ĉiuj homoj la eblecon de reciproka kompreno kaj interkompreniĝo sendepende de la nacieco, raso, religio kaj propraj mondkonceptoj"*.

La rezolucio ankaŭ konstatas, ke *"Esperanto ligas homojn en riĉa kaj valora kulturo, kies fundamenta mesaĝo estas internacia amikeco kaj universala paco"*. Tial la Pola Parlamento opinias, ke UEA ricevu Nobelan pac-premion.

# IJK en Szombathely, Hungario

La IJK 2008 okazis en la hungara urbo Szombathely (kies signifo estas "Sabatejo") de la sabato 26a de julio ĝis la sabato 2a de aŭgusto. Aliĝis 485homoj kaj partoprenis 365 el 36 landoj. La organizado tre bonis: kongresejo, loĝejo kaj programejo, sed ĉefe, bonega etoso.

En la programo estis proponoj plurflankaj: emociigaj (prezentado de fotoj pri IJK 2006 en Sarajevo), intelektaj (persone mi mencius prelegon de Lluis Batlle pri "Ĝenerala Semantiko" de Alfred Korzybski), ludemaj (memorinda granda "akvo-batalo" inter urbaj fajrobrigadistoj kun grandaj ŝpructubegoj kontraŭ esperantistoj kun akvopafiloj: ni ĝuegis kiel infanoj!), lingvo-kulturaj (festivalo kun bunta prezento de diversaj lingvoj kaj landoj), muzikaj (koncerto de JoMo: kiel ĉiam mirinda spektaklo!), dancaj (ekde hungara folkloro ĝis "bambumado"), ktp.

Ne mankis ekskursoj. Ekzemple, al lago Balatono kun amuza kaj amasa vingustumado en kelo post boatumado en kaverno.

Krome, aperis alternativaj programeroj. Tiel, okazis sinsekvaj ekskursetoj tra la urbo por komencantoj, progresantoj kaj je perfektiga nivelo (bone, la nivelo rilatis al drinkema aŭ diboĉema inklino:la unuan tagon, biero; la duan, vino; kaj la trian, brando...).

Kiel prave JOMO kantas: "En la IJK povas okazi ĉio ajn..." Por tiuj kiuj bezonas vidi por kredi, jen fotoalbuma kolektejo (aŭ koktelejo) en: www.tejo.org/vikio/IJK_2008

Resume, alloga IJK en alloga etoso kaj lando kies ĉefurbo, Budapeŝto, la "Danuba perlo" servis por nomi tiun skolon de beletraj juvelistoj kiaj Kalocsay kaj Baghy. La IJK 2009 okazos vere en Liberec, ja tiel esperanta estas la nomo de la ĉeĥa landlima urbo kiu gastigos la venontan IJK. Kaj memoru ke IJK ne nur estas Junulara sed okazo por rejuniĝi kaj (re)trovi mirindajn frenezulojn.

Lorenzo Noguero



Estis organizita lingva kaj kultura festivalo kie la partoprenantoj povis prezenti sian kulturon kaj lerni iomete pri aliaj. Fotis Kollár Lejla